13-a jaro. — N-ro 2 (144) FEBRUARO 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY. Fr. SCHOOFS. Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF. J. VAN LAERE. Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO

Konstantaj kunlaborantoj: M. JAUMOTTE. L. COGEN. W. DE SCHUTTER. S-ino L. FAES H. PETIAU. F-ino R. SPIRA. F ino J. VAN BOCKEL. J. VAN SCHOOR. H. VERMUYTEN.

Por la anoncoj oni sin turnu al:

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

ENHAVO. — Paska konferenco en Praha. — Ni uzu nian lingvon. — Flandra lando. — Mons. — Antaŭ la Koncerto. — Belga Kroniko. — Belga Gazetara statistiko. — El nia Rondo. — Ĉu la Tutmonda Statistiko sukcesos? — Nia progresado. — Transdono de sango. — La Donaco. — Humoro. — Kelkaj ŝirkalendaraj proverboj. — Provo de teknika Instruado per Esperanto. — Kongreso de Rotario. — Diversaj informoj. — Bibliografio.

JARA ABONPREZO: Fr. 12,50

EKSTERLANDE: Belgoj 4.—

ANTVERPENO

1927

13a JARO N-ro 2 (144) FEBRUARO 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543 74

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Poŝtĉeko No 39984.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

PACO PER LERNEJO.

## PASKA KONFERENCO EN PRAHA

La konferenco «Paco per lernejo» okazas de lundo (18) ĝis merkredo (20 aprilo), en la Filozofia Fakultato de la Universitato de Praha, strato Brehova,apud Parlamento. Ĝi sin okupas per tio, kio estis farita kaj farebla en la lernejoj por la ideo de interpopola solidareco. Eminentaj referantoj parolos, iuj en naciaj lingvoj (franca, angla), iuj en Esperanto, ekz. Prof. Bovet mem, D-ro Kamaryt, Dir. Hahn, D-ro Kronenberg k. a. Oficiala lingvo estas Esperanto, tio signifas, ke referatoj diratâj nacilingve estos tradukataj en Esperanton, sed ne male. Ĉiu esperantisto do bone komprenos la tutan traktadon kaj povos ĝin partopreni en debatoj kaj diskutoj, kiuj sekvos post ĉiu referato. Unu lingvo helpanta do multe faciligos la tutan agadon de la konferenco.

Ni atendas, ke multaj samideanoj partoprenos, precipe el proksimaj landoj, kiel Saksujo, Aŭstrio, kaj kompreneble el Ĉehoslovakio mem.

La temoj interesos ne nur instruistojn, sed ĉiun, kiu havas komprenon por la ideo de la konferenco, ke al la idealo de interpopola paco oni eduku jam en la lernejoj.

Dum ke Internacia Oficejo de Edukado en Genève, pere de sia Direktoro, Prof. Bovet, kaj kun helpo de ĉs. pedagogiaj institucioj zorgas pri la programo de la konferenco mem, esperantistoj de Praha, reprezentitaj en la Loka Organiza Komitato per S-roj Eiselt, Hromada kaj Pitlik, estas komisiitaj zorgi pri la teknika aranĝo: loĝado, manĝado, faciligoj de alveno, rabatoj, gvidado tra la urbo ktp.

Por kovri almenaŭ parton de la organizaj elspezoj, la konferenca kotizo estas fiksita je 4 sv. frankoj, 3 markoj germanaj, 5 ŝilingoj aŭstriaj, 20 kronoj ĉehoslovakaj.

La Organiza Komitato intervenis, ke

1. la ĉehoslovakoj konsulejoj donu senpagan vizon al ĉiu konferencano,

2. ĉiu konferencano vidu oportune kaj nekoste la ĉefajn vidindaĵojn de la urbo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo (specialaj tramvagonoj, senpagaj, por rondveturo tra la urbo estas promesitaj),

4. ĉiu konferencano povu senpage partopreni en la Amika vespero, dimanĉe la 17. 4., aranĝita de Esperanto-grupoj de Praha. Programo: muziko, kantoj, recitoj k. a.

La plej granda parto de konferencanoj estos lokita en unu-du grandaj hoteloj, por havi oportunan okazon por interkonatiĝi dum maten-, tag- kaj vespermanĝoj. Por esti plej bone kontentigita, estas konsilinde aliĝi plej baldaŭ. Prezoj de ĉambroj: unulita (limita kvanto): 16—35 Kĉ. (2—4 Mg.), dulita: 32—72 Kĉ. (4—9 Mg.).

Trinkmono kaj ĉiuj lokaj pagoj entenitaj.

Krom tio L.O.K. zorgos pri ekstreme malkaraj komunaj dormejoj por tiuj, kiuj dezirus ilin uzi. Anoncu vin tuj! Prezoj de manĝoj (tag- kaj vesper-manĝo, menuo) po 10—15 Kĉ.

Ni volonte akceptos ĉiun konferencanon jam en la stacidomo, se informo preciza pri horo kaj fervoja linio (t. e. el kiu loko oni venas) trafos nin almenaŭ 24 horojn antaŭe.

Oni atendas, ke la granda parto de gastoj venos jam sabate la 16. 4. aŭ dimanĉe la 17. 4., ĉar sabate kaj dimanĉe matene okazas, apud la konferenco, kunvenoj pure esperantistaj, de Internacia Centra Komitato, U. E. A.-komitato kaj Konstanta Rreprezentantaro de Naciaj Societoj. Plie, ambaŭ centroj ĉehoslovakaj, Ĉ. Asocio Esp. kaj Germana Ligo Esp. aranĝas dimanĉe matene siajn membrajn kunvenojn, kiujn partoprenos granda nombro de samideanoj el la tuta Respubliko Ĉehoslovaka.

Plie, dimanĉe la 17. 4. okazas internacia kunveno de TAGE (Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj).

Tiuj ĉi esperantistaj kunvenoj okazos parte en hotelaj salonoj, parte en la ejo de la Konferenco mem, la Filozofia Fakultato Universitata.

Ĉiu aliĝinto ricevos detalajn informojn pri loĝigo ktp., pri rabatoj kaj ĉio necesa. Ju pli frue vi aliĝos, des pli multe ni povas fari por vi.

Laŭ la nuna situacio estas videble, ke per granda partopreno la esperantistoj ne nur multe helpos al la idealoj de la Konferenco mem, sed ankaŭ treege antaŭenpuŝos la aferon de Esperanto en Ĉehoslovakio kaj en la pedagogiaj kaj lernejaj rondoj de la tuta Eŭropo.

Aliĝon akceptas kaj ĉiujn pliajn informojn donas:

Ĉehoslovaka Esperanto-Asocio Praha VIII. Socharska 333.

---

BABILADO.

# NI UZU NIAN LINGVON

Depost la grandaj sukcesoj akiritaj de nia lingvo en la Societo de la Nacioj, en la diversaj internaciaj konferencoj en Ĝenevo, Venecio kaj Parizo, en la komercaj foiroj, kc., ni povas konstati, ke la ekster-esperantista mondo pli kaj pli ekuzas ĝin por siaj propraj entreprenoj kaj utiloj.

La decembra numero de «Belga Esperantisto» alportis sur sia paĝo 195a aron da novaj pruvoj, krom tiuj jam cititaj en antaŭaj kajeroj. Inter la lastaj ni citu la Oomotanojn, la Baha-anojn, la Stenografiistojn, la partianojn de la Aŭtonoma Muziknotado kaj multajn aliajn. Inter la novaj, ni rimarku la noton en Esperanto de la internacia instituto de intelekta kooperado, la anaron por la plibonigo per la Vero, la unuan psikologian kongreson, la malsanul-asekuradon el Berlino.

Ni scias ke kelkaj Esperantistoj el kiuj la plej rimarkinda nuntempe estas abato Ĉe, eĉ travojaĝas la kontinentojn uzante ĉie kaj ĉiuokaze la lingvon, ekzemple prenante sian vojaĝbileton, petante pri gastigo en hotelo, aĉetante iun objekton en butiko, petante sian vojon al preteriranto, kc.

Per tiuj diversaj rimedoj Esperanto ege disvastiĝas kaj vere viviĝas, kvazaŭ nacia lingvo, en la mondaj rilatoj ĉiuspecaj.

Jen estas por ni ĉiuj bela okazo kaptota, por konstante propagandi nian lingvon en la ĉiutaga praktiko: ni pli kaj pli uzadu ĝin ĉu parole,ĉu skribe kun ne-esperantistoj, en iuj eblaj okazoj. Mi pretendas, ke, se ni ĝin elparolas korekte, klare kaj ne tro rapide sed precipe nature, serioze kaj sentime, kvazaŭ ni estus fremdlandanoj (kaj la rimedo estus precize konsilinda, kiam ni efektive estus alilande), niaj kunparolantoj nin tute bone komprenis kaj kunsideras nin ankaŭ tute serioze, opiniante, ke ni parolas efektive iun fremdan nacian lingvon; kaj kiam ni estus atingintaj nian celon, tiam, sed nur tiam, ni konigu, eĉ per la nura frazeto «la lingvo, kiun mi parolas, estas Esperanto», kaj donante ian propagandilon (ekz. Ĉefeĉan broŝureton, el kiuj ni devus ĉiam havi amaseton en niaj poŝoj), ni konigu, mi diras, ke ni uzis la lingvon internacian.

Mi certigas, ke, se komercisto ekzemple estus per tiu rimedo farinta bonan, profitdonan vendon, li pripensos post nia foriro, favore pri la okazintaĵo kaj li estos jam duone varbita nova samideano!

Antaŭen do, gesamideanoj, sen falsa hontemo, nek ridinda timo.

L. COGEN.

EL NACIA KANTARO.

## FLANDROLANDO

Herbejoj, maregoj lulemaj,
Verdaj' laŭ rivero kaj flu',
Kun viaj la turoj pacemaj,
Vi urboj, vilaĝoj sen bru',
Vi kampa riĉec' kaj arbaroj
Aŭ de l'erik' la trankvilec'
Mi volas, ke restu dum jaroj
En koro, la via belec'.

REKANTAJO.

Por Flandroland', Flandroland'
Tremu, o koro, kun arda plezur'
Land' mia, pacema la Land'(o)
O Land' de kvieta natur'.

---

El ŝtono kaj tolo kaj kanto
El ĉio kreita de l' Art',
Radias vi, sorĉa amanto
De l' dolĉa sentem', nobla Bard'.
Reflektas vi l'emon de l' viaj
En ili, vin rekonas vi.
Kiel kreskus ne, sentoj diaj?
Vin amos mi ja pli kaj pli!

EL FLANDRA ORIGINALO.

---

NIA KONGRESURBO 1927.

## MONS

De 1914, la nomo de l'urbo Mons eniĝis en la historion de l'Brita Imperio. Estas, efektive, tie ke la brita ekspedicia korpuso de French renkontis je la unua fojo la plimultnombrajn germanajn soldatarojn de von Klueck, kiuj devigis la «tommies» fari tiun belegan malantaŭeniron tiel ordoplenan kaj dum kiu la returneniro antaŭ grandega soldatamaso ebligis la Britojn pagigi kare de la Germanoj la konkeron de ĉiu urbo kaj de ĉiu vilaĝo.

Estas ankaŭ en Mons, la matenon de l'11a. de Novembro 1918, iom antaŭ la 11a. ke la Kanadaj militistaroj de Currie, Loomis kaj Clarke eniris kiel liberigantoj post malfacilaj bataletoj, sangfluigaj luktoj, korpo-ĉekorpo, kiuj okazis en la tuta ĉirkaŭaĵo.

De l'francuja landlimo, de Elouges ĝis Mons, trairante je Frameries, Flénu, Cuesmes, Ghlin, la Kanadanoj, volante eviti al la civilaj loĝantoj

la danĝerojn de bombardado, ekuzadis verajn artifikojn por trompataki la malamikajn postenojn, batalante per tranĉarmiloj kaj devigante la kontraŭulon returneniri paŝe-post-paŝo.



MONS. — La Belfrido.

Oni ne kredu, ke la Germana armeo, en tiu lasta momento tiel konvinkita pri sia malvenko, forkuris senorde! Tute ne! Eksplodigante malantaŭ si pontojn kaj viaduktojn, tranĉdifektante la vojojn, kaŝmetinte ĉie mitralpafilojn ĝi defendis sin viglege.

En ĉiuj niaj najbaraĵoj, la mortintejoj ĵaluze konservas la tombojn de

l'Kanadaj soldatoj kaj en Mons mem, en la honora herbobedo dediĉita al ĉiuj interliganaj mortintoj, la idoj el Quebec, Montreal, Ottawa, dormas en amika tero.

En Mons,regata de ŝtona belfrido,alta je 87 metroj,enhavanta sonorilaron kun 47 sonoriloj el kiuj unu pezas ses mil kilogramojn, la sonoriloj, dum ĉiuj niaj festotagoj kaj nome, la 11an de novembro, kantas per siaj kristalsonaj notoj, la himnon «O Canada» kaj la «God save the King» kaj ankaŭ niajn malnovajn popolariojn tiel karajn al niaj koroj.

Mons estas la urbo de la malnovaj domoj, kiuj en sia kurioza arĥi-



MONS. — Fasado de la urbodomo.

tekturo konservas ankoraŭ tiun malmodernan aspekton tiel pentrindan, kun siaj ogiportoj, kun siaj ŝtonaj fenestrotrabetoj, kun siaj skulptaĵoj, kun siaj ŝtupar-formaj frontonoj, kun tiuj brikaj fasadoj el la hispana epoko, kiuj memorigas ke niaj Malaltaj Landoj konis la superregadon de Karolo la Va, de Alberto kaj Isabelo.

Se Antverpeno, Meĥleno, Tornako (Tournai), Gento fieriĝas pro siaj katedraloj, Mons, prave, rajtas iom fieriĝi pro sia kolegialo el la XVa jarcento, laŭ stilo gotika kun belaj vitraĵoj pentraĵplenaj.

En tiu preĝejo oni povas vidi rimarkindan trezoron de malnovaj oraĵartaĵoj, de relikvujoj, de mesvestoj, de meslibroj, de petraĵoj kaj skulptaĵoj multnombraj kaj gravaj el kiuj multaj estas verkitaj de la granda XVIa jarcenta artisto Dubreuck.

Ni citu ankaŭ, sur la Granda Placo, la urbodomon, ankaŭ en gotika



MONS. — Mina lernejo kaj Teknika fakultato.

stilo (XVa jarcento); interesa estas la vizito al ĝiaj salonoj oranamitaj per murpentraĵoj kaj per belaj malnovaj tapetaĵoj.

La amanto de XVIIa kaj XVIIIa jarcentaj skulptitaj lignaĵoj vizitos kun vera intereso la preĝejon «St. Nicolas en Havré».

Ni vidu ankaŭ la muzeon pri la belaj artoj kaj la malgrandan arĥeologian muzeon (rue Neuve) kie la memorigaĵoj al la pasinta tempo (nome al la periodoj prahistoriaj Romana kaj Franka)formas gravan kolekton.

En la komunuma biblioteko oni povas admiri tre belajn manuskriptojn, multvalorajn inkunablojn kaj interesan breton de numismataĵoj.

Mons estas instrua urbo. Ĝi posedas «Teĥnikan fakultaton kaj minejan lernejon de Hainaut», kies kursoj estas sekvataj de multaj fremdaj studentoj; du institutojn de komerco kaj industrio, unu akademion de belaj artoj, kies gravurklaso akiris meritítan diskonatecon; unu muzikkonservatorion, unu ateneon por junulinoj, unu ateneon por junuloj, du mez-

gradajn lernejojn, unu superan industrian lernejon, unu ĝardenkulturan lernejon,kaj multenombrajn institutojn por libera instruado je ĉiuj gradoj.

La vizitanto havos ankaŭ ian plezuron, promenante sur la belegaj bulvardoj (kies 5 seninterrompaj kilometroj ĉirkaŭas la urbon) kaj en la ĝardeno de Waux-Hall.



MONS. — Waux-Hall.

En la najbaraĵo estas interesaj ekskursoj fareblaj trame aŭ aŭtomobile; al la feŭda kastelo de la pratempaj dukoj de Havré; al la lagetoj de St. Denis kaj al la malmoderna, forlasita abatejo; al la propraĵo princo de Roeulx; al la parko de Beloeil; al la interligana mortintejo de St. Symphorien, lokita en belega loko.



BELŒIL.

Kaj oni vizitos ankaŭ kun intereso la regionon de l'Borinage kun ĝiaj maŝin-laboregejoj, siaj karbominetoj, siaj karbomontetoj kaj siaj tiel pentrindaj tipoj de «hiercheuses» kaj «sclauneuses».

Inter la allogaĵoj de urbo Mons oni devas vidi, la dimanĉon de la

Triunuo, la eliron de la legenda procesio de Sankta Waudru kun la Ora ĉaro tirita de ses ĉevaloj kaj sur kiu estas lokita la relikvujo el ĉizita metalo enhavanta la restaĵojn de la fondintino de Mons. Kaj la saman tagon je tagmezo okazas, dum pafado, sonorilsonado, fanfaroj, la legenda, multjarcentfama batalo de Sankta Georgo kontraŭ la drako «Lumeçon».

De majo ĝis fino de septembro, ĉiumarde vespere, la komunuma sonorilarludisto, donas tre ŝatatajn koncertojn.

GUSTAVE CASY,
Sekretario de l'Arheologia Rondo de Mons.
Tradukis el la franca lingvo: L. COGEN.

---

## EL FREMDAJ LITERATUROJ.

# ANTAU LA KONCERTO

«Vi estas fremdulo ĉi tie?» demandis ŝi fine, provante ekrideti.

«Mi ĉie estas fremdulo», respondis li per neordinare delikata, kortuŝa voĉo, kvazaŭ li kompatus tiun, kun kiu li parolas.

«Vi do sendube eĉ ne scias, ke la fama komponisto Eduard Craigh ĉeestos la hodiaŭan koncerton», sciigis ŝi per ĝoja infana voĉeto, kun flameto de entuziasmo en la ĉarmaj okuloj.

«Tio povis esti», diris li neglekte, «la komponistoj kutime ŝatas ŝovi la nazon ien, kien ili ne devas. Sincere dirite, kion fari pri komponisto, kiu verkis komponaĵon? Li skribis notojn, tion oni pardonu al li, ĉiu faras iam kaj tiam iun sensencaĵon. Sed pro kio venadi tien, kie oni tiun lian sensencajon ludas, aŭ alie dirite, ankoraŭ la sensencaĵon multobligas — — ?»

«Sinjoro, —» ŝi interrompis lin kolere, «viaj opinioj — — ?»

« — bazas en sperto kara fraŭlino, en sperto. Mi konas multajn komponistojn kaj mi diras al vi senhezite, ke ili estas, krom honestaj esceptoj — ni diru, strangaj homoj. Alie ili ne verkus ion, kio dependas de la favoro de la proksimuloj. La komponaĵo elirinta el la plumo de la komponisto, ankoraŭ nenio estas, ĉar ĝi devas atendi, ĝis iu ĝin ludos, kaj de tio, kiel li ĝin ludos, dependas ĝia sorto. Sidigu sesjaran knabaĉon al fortepiano, malfermu al li sur la pupitro la patosan sonaton de Beethoven kaj vi aŭdos,kia katkoncerto aŭdiĝos.Ĉiam ĝi estos la knabaĉo kaj ne Beethoven —».

«Sinjoro, la genio — — »

La genio ĉiam bezonas genion, por esti komprenata. Generale, la geniuloj taŭgas por nenio, en la mondo. Geniulon komprenas nur geniulo, sed kunvenigu tri geniulojn kaj baldaŭ vi aŭdos krion, ĉar la geniulegoj ekdisputegis pro ĵaluzego. Simplaj homoj ĵaluzas, grandaj homoj ĵaluzegas».

«Ne parolu tiel, mi ankaŭ volas fariĝi artistino —»

«Ĉu vere? Mi pensis tion. Kaj vi opinius, ke vi havas artistan talenton?»

Fiere si ekrigardis lin.

«Jes, sinjoro, mi opinias tion».

«Tiam, vi devus forlasi tion. La homoj kun artista talento devus sin dediĉi al ĉio ebla, nur ne al la arto. Ĉar la arto postulas sentemajn nervojn, sed havante la sentemajn nervojn, oni nenion atingos. Pli delikata homo estas neebla en ĉi tiu mondo, ĉar oni lin krisilentigos, forpuŝos, kaj ĉar lia delikateco ne permesos lin, defendi sin per armiloj tiel trivialaj, kiajn oni uzas kontraŭ li — —»

«Sed tiam la veraj artistoj nenien atingus — —»

«Ili fakte nenien atingas, se ili ne sukcesas trovi iun, kiu sentas neartiste, — kaj kiu batalas por ili. Iun babilaĉulon, kiu ne havas ideon pri la muziko, sed scias ĵeti ĉirkaŭ si frazojn tiel lerte, ke li silentigas ĉiujn. Kiel kompatinda kompare kun li estas la artisto, kiu scias nur sian arton, sed ne scias aldevigi aliajn, ke ili aŭskultu lin». Kaj kun stranga amareco li aldiris: «Neniom valoras, scii bele ludi, se oni nenie volas nin aŭskulti».

«Mi vidas», kontraŭdiris ŝi indignite, «ke vi havas antaŭjuĝon kontraŭ la arto. Via malvasta spirita horizonto ne permesas al vi kompreni la grandegajn arto-verkojn kaj tial vi pensas, ke estus pli bone, se ili ne ekzistus. — — »

«Eble estas tiel. Ni prenu Craigh'on. Foje li, malsata kaj malsana, provis vendi siajn komponaĵojn ĉe ĉiuj eblaj eldonistoj, sed ili, unu post alia, montris al li pordon. Ĝis fine ekprotektis lin iu kantistino, kiu sciis tiel temperamente serpentumi sur la koncerta podio, ke la publiko estis entuziasmigita. Nur kun ŝia helpo li vekis ioman atenton en la muzikaj rondoj. Ne lia talento, sed la serpentumado de la kantistino enkondukis lin en la mondon.»

«Estas filistra via opinio — »

«Kaj ĝenerale, la tuta Craigh estas rezultato de reklamo de lerta impresario, kiu sciis tambure anonci liajn komponaĵojn.»

Ŝiaj vangoj ekflamis.

«Vi do kuraĝas nei la genion de Craigh».

Li ekridetis amare.

«Nenies genion mi neas, mi nur neas, ke ia genio helpas al iu sen tamburo, tamburo kaj ree tamburo.»

Kaj en la sama momento, kvazaŭ por atesto, iu en la orkestro ekfrapis la tamburon. Ambaŭ ekridis kaj nur nun ili ekvidis sinjoron, kiu alpaŝis ilin.

«Pardonu, ke mi interrompas. Mi vidas ke vi bone amuziĝas, sed nenia helpo, majstro Craigh, vi devas jam iri sur la podion. La orkestro atendas.»

La viro, neanta la geniecon sen reklamo, ekridetis afable al la juna sinjorino, kaj riverencis por adiaŭo.

J. PAKOSTA.

El la ĉeha tradukis S-ino A. Grauerova, Prerov.

LA MOVADO EN NIA LANDO

# BELGA KRONIKO

**Por eviti perdon de tempo, la grupoj estas ĝentile petataj sendi ekskluzive al la Ĝenerala Sekretario de la Ligo, S-ro Henri Petiau, St-Lievenslaan, 60, Boulevard St-Lievin, Gento, siajn notojn pri la grupa agado. Ni insistas por ke ĉiuj grupoj sendu regule, antaŭ la 15a de ĉiu monato, raporteton pri la grupaj okazintaĵoj. Tio estas nepre necesa por la statistiko de nia nacia movado kaj ni afable petas la grupestrojn, ke ili zorgu pri la plenumo de tiu grava servo. Oni faru tre koncizajn notojn.**

ANTVERPENO. — **«La Verda Stelo».** — La 22an de Januaro, okazis la ĝenerala Jarkunveno. La membroj multnombre ĉeestis kaj aŭdis la jar-raportojn de la sekretario kaj de la kasisto. Poste, la prezidanto oficiale anoncis la leĝigon de la grupo kiel societo sen profita celo. S-ro Schoofs esprimis bondezirojn al la societo sub ĝia nova formo, por ke ĝi ĉiam prosperu en ĝia laborado por la esperanta ideało. Tiu kunveno, kies atmosfero estis speciale viveca kaj gaja, finiĝis plej agrable per intima dancado.

**La 12an de Februaro,** la gesinjoroj Faes invitis la membrojn al Gramofon- kaj Radio-koncerto, kiu okazis en ilia muzikvendejo. Estis plej agrabla vespero, dum kiu la membroj havis la okazon aŭdi, krom plej belajn gramofon-diskojn,ankaŭ la lecionon de Esperanto per riadio, kiun gvidas S-ro Jaumotte. Kaj estis ĝojige por ili, kiam nia bona samideano, post klarigado de gramatikaĵoj, sendis sur la flugiloj de la misteraj ondoj radiaj, kelkajn korajn vortojn, kompreneble en Esperanto, al siaj aŭskuntantaj amikoj. S-ro Schoofs danks ges-rojn Faes pro ilia gastamo kaj S-ron May, direktoron de la An. Soc. General Radio, (14, Kipdorp), kiu speciale por tiu vespero muntis T. S. F. instalaĵon.

**La 18an de Februaro** la grupo organizis balon en salonego «Patria», kiu bone sukcesis.

BRAINE-L'ALLEUD. — S-ro L. Cogen, Vic-prezidanto de la Ligo, post tre bona propaganda parolado, kiun li faris ĉe la Brusela grupo, estis invitata de la «Asocio de la malnovaj lernintoj de la industria lernejo de Braine-l'Alleud, por fari la saman paroladon. Ĝi tre bone sukcesis, agrabligita per lumbildoj. Esperanto-kurso estos organizata kiel eble plej baldaŭ. Ni esperu, ke nova grupeto fondiĝos post tiu kurso!

BRUGO. — La 1an de Februaro, F-ino Yvonne Thooris, Honora Vicprezidantino de la Bruĝa grupo, faris en Esperanto tre interesan paroladon pri la ĝenerala organizado de nia movado kaj la devoj de la esperantistaro por subteni niajn oficialajn instituciojn! Jen ekzemplo imitinda de ĉiu grupo!

GENTO. — Granda propaganda festo okazos sabaton 26an de Marto, en Salonego «Concordia» organizata de «Soc. Gantoise pour l'Expansion des Relations Mondiales», propaganda sekcio de «Genta Grupo».

Ĉiuj belgaj Samideanoj estas kore invitataj.

MONS. — Okaze de nia proksima nacia kongreso, kiu okazos en Mons,

bona propagando tie estis organizita en la urbo kun la celo varbi novajn adeptojn. Jam kelkaj personoj mem lernas lingvon kaj baldaŭ publika kurso okazos kaj nova grupo estos starigata.

TIRLEMONT. — Dank'al la klopodoj de S-ro Rodeyns, helpanta Policestro en Tirlemont, nova agema samideano, aro da intelektuloj lernas nian lingvon kaj grupo fondiĝis en tiu urbo.

# BELGA GAZETARA STATISTIKO

En Februaro ni ricevis 16 notojn pri Esperanto el gazetoj de 4 lokoj: 9 en flandra lingvo kaj 7 en franca lingvo.

# EL NIA RONDO

### NEKROLOGO.

Mortis la 15an de Februaro S-ino V-ino CLEMEUR-SMITS, patrino de nia Antverpena samideano Raoul Clemeur, kiu nur antaŭ kelkaj monatoj perdis sian patron. Ni prezentas al nia amiko kaj lia edzino nian plej sinceran kondolencon pro tiu nova sortobato.

### ADMONO.

# ĈU LA "TUTMONDA STATISTIKO" SUKCESOS ?

Ĉiuj, kiuj respondis al mia statistika alvoko, por helpi entreprenon taŭgan por nia propagando, havas la rajton, scii ion pri la rezultato atingita ĝis nun.

Alvenis ĝis la 1a de Februaro 1927 entute: 1457 raportoj, el asocioj, federacioj, ktp. 46; el grupoj 760; de izole vivantaj esperantistoj 651.

Ĉi tiuj ciferoj ja estas — per si mem — jam iomete efikaj kaj imponaj, kaj mi treege dankas al ĉiuj raportintoj.

Sed la ciferoj samtempe ankaŭ montras kaj pruvas, ke nur parto de la samideanaro (ekz. el la fakaj asocioj respondis nur tre malmultaj) sufiĉe bone komprenis la intencon de la statistika laboro, kiu atingos la celon celitan nur, se ĉiuj helpos. Kaj ĉiuj povus helpi, se ekzistus la bona volo. Ĝi estas la antaŭkondiĉo, sen kiu la tuta statistiko restos nekompleta torso aŭ eĉ ne torso, sed nur malperfekta fragmento, montrante, ke en la tiel nomata «samideanaro» tute ne regas la samaj ideoj pri ĝenerala afero,kaj samtempe ne montrante tion,kion ni volas montri al la mondo.

En mia alvoko pri Tutmonda Statistiko mi tute klare diris, ke ĝi estos mia unua kaj lasta. Oni ne povas devigi iun al libervola laboro kiu fariĝas deviga laboro por ĉiu, kiu komprenas la situacion de nia movado.

Mi ne volas peti tiujn, kiuj ne volas kunlabori — mi ja nevolas ion ajn por mi. Kun ĉiuj, kiuj ĝis nun raportis, mi deziras nur ion por ĉiuj, nome havigi al nia movado bonan — tre necesan — propagandilon, propagandilon pli efikan ol multaj paroladoj kaj gazetartikoloj. Rezultaton eble nekontentigan la neraportintaj samideanoj skribu en sian propran konton, ne en la mian aŭ en la konton de la volonte kaj diligente raportintaj samideanoj.

Estos tute neefektivebla laboro, admoni per kelkmilaj specialaj leteroj tiujn, kiuj malatentas tion, kio ŝajnas devo por ĉiuj veraj esperantistoj.

Estas ankoraŭ tempo, fari la ĝis nun nefaritan kaj sendi la ĝis nun nesenditajn raportojn. Post la 15-a de Aprilo mi devos fari grandan strekon sub la laboro farita ĝis tiam, minimume rilate raportojn en Eŭropo. Poste estas tute neeble, ĉiutage revizii la rezultatojn kaj korekti ilin senfine; ĉar tiamaniere la laboro neniam estos preta, kaj mi esperis, ke ĝi povus esti preta por la tempo de la internaciaj kongresoj de ĉi tiu jaro.

Se mi petas ion, mi nur petas, ke oni kulpigu min pro rezultato netaŭga kaj nekontentiga kaj ke oni ne fanfaronu pri «fideleco al nia majstro», se oni rezignas al tre malgranda laboro, kiu celas honori lian memoron dum nia jubilea jaro.

Oni demandis — eĉ riproĉis — min tre ofte tial, ĉar mi en miaj demandaroj ne liveris difinon pri tio, kion signifas la vorto «Esperantisto». Mia respondo estas tre, tre simpla. Mi ne volas esti pli prudenta ol nia D-ro Zamenhof, kiu jam tute klare difinis, kiu estu rigardata kiel «Esperantisto». Li diras tion en Deklaracio de Boulogne sur Mer:

> « Esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu scias kaj uzas la lingvon Esperanto tute egale, por kiaj celoj li ĝin uzas. Apartenado al iu aktiva societo esperantista por ĉiu esperantisto estas rekomendinda, sed ne deviga. »

Karaj gesamideanoj, laŭ ĉi tiu difino bonvolu respondi la koncernan demandon aŭ, se vi jam sendis vian raporton, nerespondinte al la aludita demando, fari tion ankoraŭ dum la venonta tempo.

Tre multaj ŝamideanoj aparte skribis, ke ili aprobas la statistikan planon, kelkaj faris tion eĉ entuziasme. Ili gratulis min pro la projektita statistiko kaj sendis salutojn. Koregan dankon, mi dankas kaj salutas vin ĉiujn.

D-ro DIETTERLE.

### TRA LA MONDO.

# NIA PROGRESADO

### ESPERANTO EN LA PROKSIMA ORIENTO.

**EN PERSUJO.** — La nombro de l'esperantistoj en Persujo pli kaj pli grandiĝas. Nuntempe oni preparas ankoraŭ pli intensan propagandon por Esperanto. Ekzistas jam du bonegaj gramatikoj en persa lingvo; «Ŝlosilo de Esperanto», en formo de malgranda broŝuro, havanta la tre

malgrandan pezon de 10 gramoj, kaj kiu enhavos la tutan gramatikon, la fundamentan vortaron kaj liston de l'plej uzataj komercaj vortoj,aperos baldaŭ. Universala Esperanto Asocio havas delegitojn en Teheran, Tabriz, Ispahan, Sultanabad, Rescht kaj Kermandĵa.

I. E. S.

EN SIRIO. — Pro malhelpo de l'lingvoj en Sirio studentoj de diversaj nacioj interesiĝas vive pri Esperanto. En la Amerikana Universitato de Beirut, 3 klasoj de Esperanto un 60 lernanotoj, estas ĵus organizitaj sub la direkto de instruistoj de lingvoj araba, persa kaj armena. Esperanto-grupo en tiu ĉi urbo estas en formado.

I. E. S.

EN TURKUJO. — En Turkujo Esperanto havas anojn ĉie. En diversaj lokoj estas esperanto-grupoj kaj Universala Esperanto Asocio havas delegitojn en la gravaj urboj.Lastatempe Turka Esperanto Asocio estas fondita kun oficiala aprobo. La plej aktiva grupo estas tiu de Konstantinoplo sub la prezido de l'turka inĝeniero Hilmi Djelil Bej. D-ro. Ali Fuad Bej, ĝenerala inspektoro de higieno de Konstantinoplo ankaŭ estas fervora esperantisto.

I. E. S.

LA FERVOJISTOJ KAJ ESPERANTO. — La oficiala organo de l'svisaj fervojistoj ĵus enkondukis en siaj tri eldonoj «Der Eisenbahner» (en germana), «Le Cheminot» (en franca) kaj «Il ferroviere» (en itala) Esperanto-rubrikon. Estas dezirinde, ke aliaj teknikaj organoj sekvas ĉu tiun ekzemplon, kiu havas grandan gravecon por ĉiuj fervojistoj kaj antaŭ ĉio por la oficistaro de l'ekstera servo.

I. E. S.

ĈU BABELO ANKORAŬ ESTAS MALBENITA? — Sub tiu ĉi titolo ĵus aperis en la eldonoj de la «Revue de l'Univers» en Parizo, tre interesa broŝuro en franca lingvo el la plumo de Raymond Julliard. En bonega stilo kaj per konvinka maniero la aŭtoro montras, ke Esperanto estas en plena marŝo kaj ke nek la inerteco de l'amasoj, nek la opinio de miopaj kaj skeptikaj kontraŭuloj povas haltigi tiun ĉi movadon. La malgranda volumo plie enhavas eltiraĵojn el respondoj de eminentaj personoj en Francujo pri Esperanto. Fine, en la antaŭparolo, Charles Richet, membro de la Franca Instituto, je denova fojo deklaras sin entuziasma adepto de Esperanto kiun li nomas «realaĵon belan kaj lumoplenan».

I. E. S.

ESPERANTO PER RADIO. — Ankoraŭ unu germana stacio de radio, tiu de Langenfeld (Rejnlando) disaŭdigis la 29 januaro programon en germana lingvo kaj en Esperanto. La stacio de Kaunas (Kovno) en Litovio komencis kurson de Esperanto la 2 februaro. La posteno W. P. C. H. en New-York dissendas ĉiun merkredon en angla lingvo kaj en

Esperanto. La stacio de Sremska (laŭ la ekzemplo de aliaj siberiaj stacioj) faras same de post kelka tempo.

I. E. S.

LA FOIROJ KAJ ESPERANTO. — Same kiel por la antaŭaj jaroj, la Oficejo de la Foiro de Leipzig publikigis prospektojn en Esperanto ankaŭ por la printempa foiro de 1927. La foiro de Budapest jus disdonis belajn afiŝojn en tiu ĉi lingvo pri la proksima foiro, kiu okazos de l'30 aprilo ĝis 9 majo.

I. E. S.

LA STENOGRAFIO KAJ ESPERANTO. — La stenografia gazetaro akceptas kun intereso debatskriban alfaron por Esperanto de la germana sistemo de Stenografio laŭ Stolze-Schrey de sinjoro Robert Kreuz, ĝenerala sekretario de l'Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado. La debatoj de l'lasta universala kongreso de Esperanto en Edinburgo estas postkribitaj de du stenografoj de l'sistemoj Stolze-Schrey kaj Pitman.

Lastatempe la nova oficiala sistemo en Germanujo (Reichskurzschrift) estis adaptata al Esperanto de renomita germana stenografo, Karp Wallon, la senioro de l'germana esperantistaro.

Profesoro Scheller en Hildburghausen (Turingio) publikigis adaptaĵon de la stenotahigrafio al Esperanto.

La komitato de l'skolo Arends (sistemo tre disvatigita inter la germana laboristaro) ankaŭ decidis ellaborigi alfaron de tiu ĉi sistemo por Esperanto.

I. E. S.

POPULARA SCIENCO

# TRANSDONO DE SANGO

Dum la monato junio 1926 la ĉiutagaj gazetoj publikigis artikoleton titolitan «Noblega Sindono» en kiu ili klarigis ke juna studento en la Medicina fakultato de l'Genta Universitato, S-ro Arsène Seldeslags sin estis prezentinta por transverŝigi parton de sia sango al tre malfortiĝinta malsanulino kiu devis esti hirurgie operaciata.

Sinjoro D-ro De Beule, la profesoro de tiu studento, sendis pri tiu afero leteron ekstreme interesan kaj instruigan por ĉiu ajn,al la «Flandre Libérale».

Tial mi ne rezistas al la emo ĝin traduki por miaj gesamideanoj: tiamaniere Esperanto estos al ili duoble utila; jen ĝi estas:

« Sinjor' ĉefredaktoro,

Mi legas en via estimata ĵurnalo de hieraŭ sub la titolo «Noblega sindono» la citon de l'bela ekzemplo pri malegoismo kiun donis, en mia malsanuleja servo, unu el miaj lernantoj, S-ro Arsène Seldeslags, oferinte sian sangon por transverŝo antaŭ - operacia ĉe malsanulino ege sensangiĝinta kiu, sen tiu preparo, certe ne estus travivinta la hirurgian

operacion montritan. La fakto estas tute ĝusta kaj estas ankaŭ vere ke S-ro Seldeslags, en simila cirkonstanco, jam agis kiel «donanto»; tio estas la termino per kiu ni montras tiun kiu «donas» sian sangon, dum la malsanulo ricevanta la sangon estas nomata la «ricevanto».

S-ro Seldeslags estas unu el miaj plej bonaj lernantoj kaj li ĝuas je mia speciala simpatio. Tial mi tute ne intencas malpliigi lian meriton. Mi supozas, tamen, ke li estos la unua por miri ke lia gesto estis kvalifikata «noblega sindono». La fakto doni sian sangon por transverŝo, efektive, entenas neniun riskon. Ni eltiras, meznombre, nur 300 ĝis 400 gramojn da sango per simpla piktruigo en la vejno de l'brako; ne pli, do, ol oni perdus pro abundeta naza sangelfluo kaj certe ne tiom kiom postulas la naturo por iaj ĉiumonatoj elfluoj fiziologiaj. Kaj vere, la brava Seldeslags post la transverŝo, leviĝis por iri, kiel eble plej simple, dejori je siaj kutimaj okupajoj. Pli ol unu foje mi vidis flegistinojn doni sian sangon kaj tuj poste, kvazaŭ nenio estus okazinta, daŭrigi sian servadon en la operaciejo.

Se mi opinias ke mi povas kaj devas reĝustigi la veron, tio ne estas, mi ĝin rediras, por malpliigi iometon de la laŭdoj plenmerite aljuĝitaj al mia lernanto; lia konduto inspiriĝis de nobla koncepto de devo kaj de granda bonkoreco kiujn mi, la unua, honorsalutas. Estas nur por forigi el la publiko tiun neĝustan supozon ke la fakto«doni sian sangon» estas ago heroa vere danĝerplena. La sangtransverŝo estas nuntempe tute ordinara pratikaĵo kaj ĝia efiko estas treege utila. Ni uzas ĝin sisteme, kiel prepara ago, antaŭ operacioj gravaj ĉe malsanuloj tre malfortigitaj. Estas do tre dezirinde por la utilo mem de l'malsanuloj, ke la publiko sciu ke ekzistas neniu serioza malhelpo por «sangdoni». Tiamaniere nia tasko estos multe faciligita, ĉar pli ol unufojon okazis al ni riveci rifuzojn de la personoj eĉ rekte kunparencitaj kun la malsanuloj, ĉar ili ne sentis al si la kuraĝon por fari la «heroan oferon» de l'sango kiun ni petis de ili. Kvalifikoj kiel «noblega sindono» kiun, bonfide, vi presas en via ĵurnalo, emas konfirmi tiun antaŭjuĝon.

Pro tio, mi ekkaptas volontege la okazon al mi prezentiĝantan por insiste peti ke vi akceptu kaj publikigu en viajn kolonojn tiun reĝustigeton kiu povas nur efiki bone.

Dankante vin antaŭe pro via granda bonvolo, mi prezentas al vi, sinjor' ĉefredaktoro, la esprimon de miaj tre distingplenaj sentoj. »

(Subskribite): Prof. Dr de Beule.

La redakcio de la Flandre Libérale aldonis la jenon: «Ni dankas Sinjoron Profesoron De Beule pro la tre interesaj sciigoj kiujn li bonvolis komuniki al ni, ĉar, kvalifikinte la diritan agon kiel ni faris, ni pruvis nian eraron — tre disvastigitan cetere — koncerne la sekvojn kiujn la sangtransverŝo povas havi por la «donanto». La reĝustigo estas mallonga sed multvalora leciono por niaj legantoj».

Niaflanke ni estas feliĉaj uzi nian karan Esperanton por profitigi je tiu leciono la tutmondan legantaron. La tradukinto: L. COGEN.

# LA DONACO

VIRGINIE LOVELING.

La tago fine alvenis dum kiu la juĝo estos eldirita. Jen estis la horo; la tempo forflugis; malfruiĝis, kaj ŝi sidis tute sola en sia ĉambreto. Ŝia koro forte batetis kaj estis kvazaŭ sago ĝin trapikis, ĉiufoje kiam ŝi aŭdis aŭ pensis aŭdi bruon ekstere. Preĝi ŝi ne plu povis, pensi ankaŭ ne, kaj ŝi sidis kun la manoj sur la genuoj, rigardanta antaŭ si, kvazaŭ ŝtonigita.

Subite ŝi aŭdas laŭtajn voĉojn kaj tumulton ĉe la antaŭpordo: estas ŝia filo, ŝia senkulpigita filo kiu, ĉirkaŭita de siaj amikoj kaj sekvita de la najbaroj, rapidegas en la domon por, ridante kaj plorante, salti al ŝia kolo.

«Senkulpigita!» audiĝis per konfuzaj vortoj ĉe ŝia orelo, kaj aro da ĉapetoj svingiĝis ĉirkaŭ ŝi.

La ĉeso de ega maltrankvilo, aŭ la evitado de minacanta danĝero egalas senliman ĝojon. Kiel ili festis hejme!... ĉar tiuj kiuj lin konsideris kiel kulpa, kaj diris ke lia senkulpigo estas skandalo tie ne estis, kaj tiuj, kiuj dubis pri lia kulpo, forlogitaj pro la advokatovortoj kaj sia simpatio al Anĝelo, entuziasmigitaj pro la vino al ili malavare verŝita, tute certaj fariĝis pri lia senkulpeco.

«O patrino!» diris li pasie, «se vi estus aŭdinta kiel la advokato min defendis! kiel li komprenigis,ke neniam mi faris ion riproĉeblan kaj ke mi iam, nur unu fojon, kontraŭvole alvenis en malbonfama kunveno kaj pro tio maljuste estis kulpigita pri malbona ago.»

«Kaj patrino!» kaj dume la kortuŝita filo prenis ambaŭ ŝiajn manojn — «li ankaŭ parolis pri vi».

«Tie», li diris, «sidas bona, malsanema, maljuna patrino kies helpo li estas, kun maltrankvileco en la koro, atendanta sian filon. Ŝi ne postvivus lian kulpigon.Sed ne»,li kriis al la juĝistoj,frapante sur la baron, «ne, tiel maljustaj vi ne estos! Vi senkulpigos lin,kaj pura je ia riproĉo lin resendos en la brakojn de lia amoriĉa patrino!»

Kaj la bona virino ploris kiam ŝi tion aŭdis, kaj ĉiuj ĉeestantoj viŝis siajn okulojn, ĉiu rakontanta ankoraŭ al la aliaj tion, kio okazis. Kiam, vespere, ili sidis solaj en la kvieta dometo, ili sentis sin tiel feliĉaj sin retrovi denove kune. Ili parolis ankaŭ pri la juna advokato kaj lia pledado.

«Ĉiuj tribunalsinjoroj premis al li la manojn kaj lin gratulis», diris Anĝelo. «Kiel al li mi estas dankema!... Sed patrino, ni devus diri al li nian dankemon.

«Ha», respondis la virino, «se ni estus sufiĉe riĉaj por doni al li multekostan donacon. Nu se mi portus al li kvindek el la plej belaj kaj freŝaj ovoj, kion vi pensus pri tio?

Sed la filo nee skuis la kapon.

«Ve, patrino, ne estas fareble, tio ne sufiĉas», li diris. «Ĉu mi ne povus aĉeti por li kesteton da bonegaj cigaroj? Sed kiu al mi pruntedonus monon?» li al si malgaje demandis.

«Kiu scias ĉu li fumas», diras la patrino.

Ili pensis kaj serĉis en sia spirito sed nenion trovis.

«Jes», sopiris la virino, «se mi posedus nun la havaĵon de avino!»

Avino! Tio estis lumradio por ambaŭ.

La porcelanaj tasetoj de avino! Jes, estis trovite!

«Kaj tio almenaŭ estas sufiĉe bela por la advokato», fiere diris Anĝelo, kiam li unu el ili metis sur la tablon dum lia patrino la alian senpolvigis per sia antaŭtuko.

La nokto al ŝi ŝajnis tro longedaŭra. La sekvantan tagon ŝi iris al la advokato kun sia trezoro sub la mantelo. Estis ankoraŭ frumatene. Ŝi lin vidis tra la vitropordo de l'koridoro kun liaj ĉambrorobo kaj pantofloj, en la ĝardeneto.

Li venis ĉe ŝin kaj kun dankemaj, sensekvaj vortoj ŝi antaŭen metis la malnovajn tasetojn de avino. Li, kortuŝite, ilin prenis, premis al ŝi la manon kaj gratulis ŝin pro la bona rezultato, kaj deziris longajn pacajn tagojn kun ŝia filo.

La porcelanaj tasoj ankoraŭ ĉiam staras sur la kamenplato de lia manĝoĉambro, ekscitantaj l'admiron de la kompetentuloj. Nun, li estas maljuna viro kaj famekonata advokato, kaj li ilin montras ankoraŭ kun memkontenteco, kiel memoron de sia unua sukceso en la krimjuĝantaro, kaj ankaŭ kiel pruvon de la dolĉa dankemeco, kiel donacon de la malriĉulo!

El la flandra lingvo tradukis:
LUCETTE FAES-JANSSENS.

---

# HUMORO

MALLONGA SED KLARA.

Filo, studento, telegrafas al sia patro:

— Kie restas mono?

La patro respondas: — Hejme.

:-: :-: :-:

FUNEBRO.

— Nu, Sinjorino,nu vi havas nigran hundon kaj antaŭe vi havis blankan?!

— Ĉu vi ne scias, ke de kvar semajnoj ni estas en funebro?

:-: :-: :-:

BONA TIALO.

Knabino: Kial vi ne ŝmiras buteron sur mia pano, panjo?

Patrino: Por ke vi ne havu grasmakulojn en via stomako!

PREFERO.

Vendisto: Ĉu Sinjorino deziras havi termometron laŭ Réaumur aŭ laŭ Celsius?

Sinjorino: Kiu estas la diferenco?

Vendisto: Laŭ Celsius la akvo bolas je 100 gradoj, laŭ Réaumur je 80 gradoj.

Sinjorino: Nu, tiuokaze, mi preferas la lastan!

:-: :-: :-:

EKSTERORDINARA OKAZINTAĴO.

Barono (revenas hejmen post kelktaga vojaĝo) — al sia servisto: Johano, ĉu dum mia foresto okazis io eksterordinara?

Servisto: Certe, Sinjoro: oni alportis neniun kalkulon.

:-: :-: :-:

EN TUTPLENA TRAMVETURILO.

Konduktisto: Restu sur la platformo, Sinjoro, ĉar vi ne havas lokon por sidiĝi interne.

Sinjoro: Ho certe, mi ja havas «lokon» por sidiĝi, sed mi ne scias, kien meti ĝin!!

:-: :-: :-:

RECEPTO POR KAPTI LEONON.

Prenu dezerton; metu ĝin sur kribrilon; puŝetadu ĉi tiun; la sablo falos tra la truetoj kaj la leonoj restos sur la kribrilo!

:-: :-: :-:

INTERESA INTERPAROLADO.

Johano! — Kiu? — Vi! — Mi? — Jes! — Kion? — Ĉu vi akompanas? — Kiu? — Vi! — Mi? — Jes! — Ne!

---

## KELKAJ ŜIRKALENDARAJ PROVERBOJ

Peno por forgesi iun estas pensi al li.
La prudeco estas la hipokriteco de l'koro.
Tromemfido estas ido de nescio.
Nenion oni donas tiel malavare kiel siajn konsilojn.
Oni devas meriti la laŭdojn kaj eviti ilin.
Nenio estas laciga se ĝi estas bonkore farita.
Neniu justeco sen humaneco.
Ofte la dentgrinciganto estas nekapabla mordi.
La lango estas senosta: ĝi estas turnebla laŭvole.
Kiu parolas, tiu semas; kiu aŭskultas, tiu rikoltas.

Tradukis L. COGEN.

## PROVO DE TEKNIKA INSTRUADO PER ESPERANTO

L'Ecole spéciale des Travaux publics, du Bâtiment et de l'Industrie (Speciala Lernejo por Inĝenierarto, domkonstruado kaj Industrio) en Paris, kiu posedas la plej kompletan kaj plej gravan organizadon en Franclando por teknika instruado perkoresponda, estas preta disvastigi eksterlanden tiun instruadon, por la profito de ĉiulandaj Esperantistaj teknikistoj kaj inĝenierlernantoj. Por komenci tian agadon, ĝi komisiis areton da kompetentaj Esperantistoj por traduki ĝian tutmonde konatan kaj ŝatatan kurson pri **Armbetono**, kun ekzercoj kaj korektaĵoj.

Bonvolu ĉiu interesato doni per simpla poŝtkarto sian nuran aprobon; tiu aproba avizo trudos al ili nenian devigon. Ili post nelonge ricevos pliajn necesajn detalajn informojn.

Ni varme konsilas al niaj amikoj fari ĉion eblan por sukcesigi tiun pratikan aplikon de Esperanto, ĉar ĝi liveros potencan argumenton por la disvolviĝo de nia lingvo en la Teknikaj kaj Sciencaj rondoj... Multaj skribu!!... Jen la adreso:

Sro Direktoro de l'Ecole spéciale des Travaux publics,
3, rue Thénard, PARIS. V.

---

## KONGRESO DE INTERNACIA "ROTARY-CLUB" OJ

Kongreso de Internacia ROTARY-CLUBS, grava asocio, kiu entenas 110.000 membrojn en 32 landoj, okazos en Ostende (Belg.) je la 5a de Junio 1927. Jam kelkaj samideanoj, membroj de tiu Asocio, propagandis pri Esperanto en siaj kluboj kaj sukcesis interesigi ilin pri nia lingvo, car la idealo de la Rotary'anoj multe similas Esperantismon.

Por utiligi tiujn unuajn sukcesojn kaj ebligi efikan agadon en la Kongreso suprealudita, estas necese, ke la Rotary'aj Esperantistoj antaŭe interkonsiliĝu. Tiucele ili do estas petataj konigi kiel eble plej baldaŭ siajn nomon kaj adreson al S-ro Rollet de l'Isle, 35, rue du Sommerard, Paris, V. Franclando.

---

## DIVERSAJ INFORMOJ.

LA 18a BRITA KONGRESO ESPERANTA okazos en Cheltenham, 14-19 Aprilo 1927.

LA 16a GERMANA KONGRESO okazos en Koeln, 15-19 Aprilo.

VERKEMAJ ESPERANTISTOJ! Ni serĉas en ĉiuj landoj Esperantistojn kiuj estas kapablaj verki aŭ traduki diverstemajn artikolojn pri literaturo, tekniko, sciencoj, k. e. — Vin turnu per poŝtkarto al L. Dederichs, Sallestr., 124, Hannover (Germanujo).

BRAZILA ALBUMO aperos dum proksima jaro, kun plena informaro pri la movado esperantista en Sud - Ameriko, pri la vindindaĵoj en tiu mondparto. Kiu deziras ricevi senpagan ekzempleron devas tuj skribi ilustr. poŝtkarton, poŝtmarko adresfranke, al: D-ro Raphael Noguerra - Estado de Minas - E. F. L. - Carangola, Brazilo.

FOLKLORA KAJ ETNOGRAFIA GRUPO fondiĝis; adreso: S-ro Kodera, ĉe S-ino Gavarry, 187 rue St-Jacques, Paris (5e) ĝis Majo.

VERDA LIBERTEMPO 1927 estas intencata en Bad Ems. Por detaloj skribu al L. Funken, Del. UEA, Florinsmarkt, 7 a I., Koblenz (Germanujo).

LA 5a MONDKONGRESO DE TABAKKONTRAŬULOJ okazos en Praha 6-8 de Julio 1927. Ĝi enhavos fakkunvenon Esperantistan. Interesiĝantoj skribu al Esp. tabakkontraŭula Asocio, Juden platz 2, I/II, Wien I.

LA «TUTMONDA POLICA LIGO» sin okupas intense pri la problemo de la oficiala uzo de Esperanto en la Polica servo internacia. Ĝi eldonas belan fakgazeton kun tre interesa enhavo. En 1926 ĝi ankaŭ donacis al siaj membroj imponan jarlibron multilustritan. La kotizo jara estas 1 Us. Dol. aŭ Fr. 35.— belg. — Adreso: A. H. de Marich, Ĝen. Direktoro de la Ligo, Budapest IX. Ulloi ut, 59. IV. 8.

RADIOSTACIO DE KAŬNAS (Litovujo) faras depost la 2 de februaro Esperanto disaŭdigojn dufoje semajne sur ondo 2000: ĉiumerkrede je 18 horo Esperanto paroladoj pri Litovujo kaj ĉiuvendrede, je sama horo, Esperanto kurso.

Parolos kaj gvidos kurson S-ano Paŝkevičius. Samideanoj radioamatoroj bonvolu skribi pri la rezultoj de aŭskultado al Litova Esperanto Asocio, Rotuŝes a. 6, Kaunas, Litovujo.

INTERNACIA RADIO REVUO. — Organo de la Internacia Radio-Asocio. Bonstila, belilustrita, riĉaspekta kaj diversenhava estas la sola teknika gazeto.

Konstantaj Fakoj: Mi Konstruas — Paŝo post Paŝo (originale popularigata teorio de Radio) — Radiohumoro — Internacia Radio Vivo-Tra la Radiogazetaro — Esperanto por Radio, Radio per Esperanto — Internacia Radio-Asocio k. a.

Premio por ĉiuj abonantoj: Kolortabeloj de 99 skemoj. — Konkurso kun multnombraj premioj (i. a. kompleta radio-ricevilo, lutilaro kaj multaj radiaĵoj).

Abonprezo (por 12 No). Por Belgujo: 7 Belgojn. Petu de la eldonejo la tabelon de favoraj prezoj, de naciaj agentejoj kaj la kondiĉojn de Konkurso.

Ĉefredaktoro: D-ro Pierre Corret.
Redaktoro: Inĝ. E. Aisberg.
Eldonejo: Etienne Chiron, 40, rue de Seine, Paris VI.

UNIVERSALA ESPERANTISTA PACIFISTA LIGO. — Lasta Alvoko! Dum du jaroj ni klopodadas starigi fortan pacifistan ligon; ni alvokis en la Esperanto-gazetaro, ni skribis al la Naciaj Societoj, ni korespondadis kun interesuloj, — sed ĝis nun nur en unu lando (Ĉeĥoslovakujo), la pacifistoj energie kaj fruktplene laboras.

En nia lasta cirkulero, ni klare montris nian celon:

**«unuigi per Esperanto ĉiujn direktojn en la pacmovado, por formi unu grandan internacian forton por la paco».**

Por atingi tion, ni nepre bezonas la helpon kaj subtenon de ĉiu Esperantisto - **Pacifisto.** Ligo sur papero ne efikas.

Se ni ne akiros la bezonatan kunlaboron en multaj landoj, tiam estos neeble, daŭrigi nian laboron.

De la rezultato de ĉi tiu alvoko dependos, ĉu nia Ligo havas ekzistrajton.

Al vi, Esperantistoj-Samideanoj, la decido!

por: U.E.P.L. JULIA ISBRUECKER, Prezidantino,

Oostduinlaan, 32, HAGO (Holando).

---

# BIBLIOGRAFIO.

BENJAMENO F. SMITH. — Historieto pri Elfarado de Everett W. Lord, Dekano de la Kolegio de Komerca Administrado de Bostona Universitato — Boston U. S. A. 1926. — Prezo nemontrita. — Bele enbindita 17 paĝa libreto kun portreto de S-ro B. F. Smith.

Verda presaĵpapero gluita en la libreto avertas Angle kaj Esperante ke la libreto estas donacata al la ricevanto kaj ke ĝia enhavo montras «kiel laboremulo bonmorala povas sukcesi en Ameriko». Ĝi estas donacata al la lernantoj de l'suprenomita Kolegio pro la sindonemo kaj malavareco de S-ro Smith kies vivrakonto estas mallonge verkita en ĝi. S-ro Smith esperas ke tiu rakonto pruvos al la leganto, ĉefe al la juna leganto, ke sukceso ekonomia en la vivo dependas nur de la intimaj virtoj: ŝparemo, kuraĝo, laboremo.

Kun plezuro ni konstatas ke ĉe atenta leganto la verketo certe atingos sian celon kaj ke ĝia eldonado estas bona, utila ago. Ĝi meritas do pli ampleksan disvastiĝon.

Ni devas tamen fari kritiketon pri la stilo kaj uzo de kelkaj vortoj kaj esprimoj (ĉefe sur la ok unuaj paĝoj) kiuj pruvas ke la tradukinto restis iomete tro sub la influo de sia landa lingvo: la stilo do ne estas tute sendepende Esperanta. Malgraŭ tio la libreto estas entute bone komprenebla kaj rekomendinda. L. COGEN.

JULES THIEBAULT — LA MALAPERINTA AMIKO AŬ LA NEDAŬRAJ REENKORPIĜOJ EN MANTES S-SEINE, FRANCUJO — 3a eldono — 10a milo — 99 paĝoj — prezo nemontrita.

Mi jus ricevis kaj tralegis tiun libreton kiu estas, laŭ diras la aŭtoro, «Kontribuo al la pruvaro pri l'identeco de la spiritoj». En ĝi estas priskribitaj strangegaj fenomenoj okazintaj kaj, ŝajnas, ankoraŭ okazantaj, de kvaro da jaroj, dum la spiritaj kunvenoj faritaj en la domo de gesinjoroj Alexandre, loĝantaj en la strato Maurepas 23 en Mantes, kaj kies spiritaj geaktoroj estas: unue, ilia ununura filino Madeleine, mortinte 19 - jara la 1an de novembro 1918 kaj kiu sin montras aganta, parolanta, siajn gepatrojn kaj aliajn ĉeestantojn kisanta, jam almenaŭ 100 fojojn, poste, marista komandato Campana kiu, de el al alia mondo, direktas la kunvenojn kvankam li mortis la 11an de Aprilo 1911a; Jozefino, la unua edzino de l' mediumo Blaise, mortinta la 1an de februaro 1920,; kaj ekster ili diversaj «ektoplasmoj» inter kiuj la malno de egipta kuracisto vivinta antaŭ 30 jarcentoj proksime je l' piramidoj.

Mi nek jesos nek neos la rakontitajn aventurojn kiuj, ĉe legado, do nas... «kokinhaŭton» kaj supozigas ke ia grimacanta fantomo staras malice vin rigardanta malantaŭ via dorso! Sed mi konstatas ke tiu broŝuro devas esti allogegaĵo por spiritistoj kaj kun pli granda plezuro ankoraŭ, mi konstatas ke ĝia Esperanta parto estas tute korekta laŭ Zamenhofa gramatiko, stilo kaj... spirito: kelkaj litereraretoj ne forigas tiun agrablan impreson. Mi diris «ĝia Esperanta parto», ĉar la broŝuro estas eldonita dulingve laŭ la plano iam rekomendita de komandanto Lemaire: sur la maldekstraj paĝoj staras la nacilingva teksto de l'aŭtoro kiu ĉitie estas la franca; sur la dekstraj paĝoj, la Esperanta teksto. La portreto de la tri geaktoroj spiritaj kaj de S-ino Alexandre ornamas la libreton. Dua, nur franclingva broŝuro plenigas la dulingvan. Mi supozas ke ambaŭ estas havebloj ĉe la aŭtoro kiu loĝas en Carignan (Ardennes), Francujo. L. COGEN.

OFICIALA JARLIBRO DE LA ESPERANTO MOVADO 1926. Eldonis: Universala Esperanto-Asocio, Genève, 360 paĝoj, 12×16 cm. Senpaga por la membroj de UEA. — Tiu libro estas la ilo per kiu ĉiu Esperantisto povas havi la plej grandan profiton el la kono de nia lingvo, kaj per kiu li montros al la ekstera mondo la veran praktikecon de Esperanto. — Libro de 1927 baldaŭ aperos: multaj legantoj deziros ĝin posedi. Pro tio ili simple aliĝu al UEA. Kotizoj: membro: bfr. 12.—, membro-abonanto: bfr. 30.—, kaj pagu al poŝtĉekkonto No 284.20 de Fr. Schoofs, Antverpeno, ĉefdelegito de UEA. en Belgujo.

NUT EN NOODZAAK VAN ESPERANTO door Titia Heukers. 1926. Eldonis Holanda Esperanta Oficejo, Eemnes. 32 paĝoj, 13 × 18 cm. Prezo: Guld. 0.25. — Holandlingva pledo por nia lingvo, kiu certe konvinkos multajn personojn.

PROFESIA UNUIĜO DE POŜTO, TELEGRAFO, TELEFONO KAJ RADIO DE U. S. S. R. tradukita el rusa lingvo de Viktor Ĵavroronkov. Eldonis Centra Oficejo de Esperantistoj de Ligilo de USSR, 54, rue

Custine, Paris (18e), 1926; 40 paĝoj 15 × 23 cm. — Prezo: Bfr. 6.—. Ilustrita broŝuro pri la organizo de la sindikato en Ruslando.

HET GOED RECHT VAN HET ESPERANTO de Prof. Dr. D. Van Embden. Eldonis Holanda Esperanto Oficejo, Eemnes, Nederlando. 16 paĝoj 12 × 18. Prezo: Glud. 0.20.

ĈIES INTERNACIA ESPERANTA STENOGRAFIO de Dyba, gimnazia profesoro, Berlin - Niederschönhausen, Moltkestr., 4. — Du partoj Korespondada Skribo kaj Raportista Skribo, 28 paĝoj 10 × 16 cm. — Prezo: 12 ekz. 10 fr. sv.

KONGRESA LIBRO DE LA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN EDINBURGO 1926. 87 paĝoj 13 × 21 cm. Prezo nemontrita. — Tiu kongresa libro estis laŭ ĉiuj vidpunktoj tre bone prizorgita. — Ĝi enhavas ĉiujn informojn, kiujn bezonas la kongresisto pri la kongreso koj pri la urbo en kiu nia ĉiujara festo okazas.

R. U. R. (Rossumaj Universal Robotoj.) — Kolektiva Dramo je enkonduka Komedio kaj 3 Aktoj de Karel Ĉapek. — Laŭ la III-a Ĉeha eldono esperantigis kaj eldonis Moraviaj Esperanto Pioniroj. Olomouc 1926. 112 paĝoj de 21 × 15 cm. Prezo: Sv. fr. 2.40. — Tre originala teatraĵo bonege tradukita de niaj ĉeĥaj amikoj.

BUKEDO, Kolekto de literaturaĵoj originalaj kaj tradukitaj de diversnaciaj aŭtoroj. Reviziita de Zanoni. 1924 Eldonis T. & H. Jung, Horrem bei Köln, Germanlando. 80 paĝoj 12 × 18 cm. Prezo nemontrita. Bona, tre taŭga legolibreto, kiun ni rekomendas por uzo en kursoj.

ESPERANTO IN HANDEL UND VERKEHR de Robert Kreuz. 1926. Eldonis Ferdinand Hirt & Sohn in Leipzig, 112 paĝoj 14 × 22 cm. — Prezo: Rm. 1.80. Tiu libro enhavas ĉiutagan kaj komercan frazaron, kolekton da komercaj leteroj, ampleksan fakan terminaron kaj mallongan Esperanto - gramatikon. La tuto formas valoran materialon precipe por la Esperantistoj el la komercaj kaj havenaj centroj. — La fakto ke ĉiuj dokumentoj estas dulingvaj (Esperanto - germana) faras, ke la libro estas bonega propagandilo kaj lernolibro. Ni esperas, ke baldaŭ ni havos tian libron almenaŭ por ĉiuj grandaj lingvokampoj.

DAS ESPERANTO EIN KULTURFAKTOR. 1926. Eldonis Ellersiek & Borel, Berlin & Dresden, 80 paĝoj 14×21. Prezo: Rm. 2.—. Eldonita okaze de la 15a Germana Esperanto - kongreso en München (1926). — La libro enhavas serion de bonaj nacilingvaj artikoloj montrantaj la necesecon kaj taŭgecon de Esperanto en diversaj sferoj de la homa agado.

MANUALE DI ESPERANTO de B. Migliorini. 1924. Eldonis A. Paolet, S. Vito al Tagliamento. 128 paĝoj 12 × 17 cm. Prezo: L. 2.50. — Praktika lernolibro por italoj. Ĝi estas dividita en dek lecionoj kaj enhavas ampleksajn vortaretojn, kiuj multe helpas la lernantojn dum la unua tempo de sia praktikado.

# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

## 18, Rue Neuve, 18 -- Ledeberg - Apud - Gento

TELEGRAF-ADRESO : " PERFECTA ,, GENT

TELEFONO : 635

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

(107)

---

EKSPORTADO

ĈIE AL ĈIUJ HAVENOJ





**Niaj asbest-cementaj ardezoj, platoj ebenaj kaj ondoformaj multe uzataj estas por kontraktoj**

de la

**Belga Ŝtatfervoja estraro :**

TIO GARANTIAS ILIAN BONEGAN KVALITON

**Fabrikejo de Gipso - Cementaj Tegoloj kaj Kaheloj**

**Brikoj - Ter-tegoloj - Flandraj argilaĵoj**

# L. Scheerders - Van Kerchove

**SINT-NIKLAAS (Waas) - Belgujo**

(120)